

# LA VERDA LUPEO

27-a jaro



24(103) INFORMILO DE ELF-AREK DECEMBRO 95

Offizielles Organ de ArGe ESPERANTO im VPhA

NI DEZIRAS AL ĈIUJ

ELF-AREK-ANOJ

*Ĝojan Kristnaskon*

## Parolas la redaktoro

La redaktoro kaj la kunlaboranto de LVL deziras al vi ĉiuj, karaj gekolektamikoj




La laboro por ELF-AREK iom lamas. Perdiĝis la kunlaboro de multaj gesamideanoj. De tempo al tempo ni rimarkas, ke mankas materiaalo por kompili novan LVL. Depost 1991 ni perdis preskau 100 gemembrojn. Fine de tiu-ĉi jaro ĉa. 30 membroj ankoraŭ ne pagis la jarkotizon 1995.

Tamen ni ne perdos la esperon, ke la estonteco portos al ni plibonigon de la nuna situacio kaj forigon de la plendoj.

Ni salutas ĉiujn ELF-AREK-anojn kaj ..toastas al la Nova Jaro 1996: Rudolf Burmeister kaj Richard Hirsch

## Ni bonvenigas novajn membrojn

| | | | |
|---|---|---|---|
| RODRIGUES | Eluizio Bueno | SOROCABA | Brazilo |
| OLIVEIRA | Eduarado Carlon | PAULINIA sp | Brazilo |
| PACHTER | Johann | BERLIN | Germanio |

Povas esti, ke en la pasintaj du-tri jaroj aliĝis aliaj gekolektantoj, kies nomoj ankoraŭ ne aperis en nia LVL. Tiukaze informu la redaktoron.

## ANONCOJ

Volonte ni aperigas en nia LA VERDA LUPEO senpage viajn anoncojn kaj adresojn, se vi tion deziras.

---

**Al la filatelistaj esperantistaj geamikoj!**

Kontraŭ uzitaj telefonkartoj mi reciprokas per multaj belgaj kaj alilandaj uzitaj poŝtmarkoj.

**S-ro Christian Naze, rue de Flenu 12, B-7390 Quaregnon (Belgio)**

## Redaktoraj dankoj pro TAMPERE-salutoj

Tutkore mi dankas pro senditaj salutkartoj de la UK en Tampere 1995 al: **Elsbeth kaj Werner Bormann, Elda Dörfler, Märtha Andreasson, Ivar Paulsson, Elisabeth kaj Richard Hirsch, James Piton, d-ro Nitzsche, Manfred Gränitz kaj Vela kaj Sylvia de LKK.**

# EKSPOZICIOJ KAJ NI



SULBRAPEX: Vermejla Medalo

Nia estimata kluba amiko **James Rezende PITON** partoprenis en tiu sudbrazila ekspozicio en regiona rango kun sia E-filatela ekspozaĵo kaj ricevis la Vermejlan Medalon. Ni kore gratulas.

LUBRAPEX: Granda Arĝenta Medalo

En tiu du-nacia fila-ekspo nia PITON ankaŭ partoprenis (30 09-08 10 1995) kaj akiris **Grandan Arĝentan Medalon** kun aldona **Honora Premio**. Koran gratulon! Nia **PITON** aldone informis, ke li nun celas Vermejlan Medalon en ekspo de "nacia rango". Tia Vermejla Medalo el nacia ekspo rajtigas je partopreno en ekspo de rango **Internacia: FIP-ekspozicioj**. Ni ĉiuj "premas ambaŭ niajn dikfingrojn" por sukcese atingi tiun celon.

En la lasta revuo "esperanto" ni povis legi, ke nia PITON elektiĝis al la TEJO-estraro, kie li prizorgas la fakon "informado kaj Latinameriko".

Ni gratulas al nia PITON.

XIX Exposición Filatélica Nacional




Medalla de Plata

A Betty Cadavid

Por Esperanto - Un idioma para el Mundo

Presidente del Jurado



Presidente Club Filatélico de Bogotá

Santafé de Bogotá D.C. Mayo 26 a Junio 11 de 1995

XIX-a EXFILBO EN Santafe de Bogota (Kolombio)

Nia kolektamikino: d-ino Betty Cadavid el Bogota skribis interalie:

"...Mi partoprenis la **XIX-an Filatelan Ekspozicion**" kaj gajnis la grandan premion: arĝenton, aljuĝitan al la ĉi-klasa tematiko. La titolo de mia ekspozaĵo estis: **Esperanto, idiomo por la mondo**. Tiu premiita kolekto /ekspozaĵo ankaŭ estos ekspoziciita dum la 4-a Nacia renkontiĝo de Esperanto en Bogota (Kolombio) de la 11-a ĝis la 13-a de novembro 1995.

Ni kore gratulas al nia kolektamikino s-ino d-rino Betty Cadavid. Por la estontaj ekspozicioj ni deziras al ŝi ankaŭ sukcesojn.

(daŭrigo: EKSPOZICIOJ KAJ NI...)

**Terttu Österman en UK TAMPERE 1995**

Solan sciigon pri tio mi ĉerpis el la letero de PITON: "Tre instrua estis la montro de la belega ekspo-materialo de s-ino ÖSTERMAN..." El tio mi konkludas, ke okazis E-filatela ekspozicio kun la ekspozaĵo de nia estimata s-ino ÖSTERMAN. Mi estas certa, ke ĝi vekis atenton inter la gekongresanoj. Koran dankon al nia ÖSTERMAN kaj ankaŭ al la LKK, kiu ebligis tiun ekspozicion.

**KIEL 95 Vermejla Medalo por nia Rudolf Burmeister**

Li raportas: "...Okaze de la "100-jara jubileo de la KIEL-KANALO okazis en la kastelo de Kiel (Germanio)komence de septembro 1995 3-a ranga fila ekspo. Mi partoprenis per mia E-filatela ekspozaĵo kun la rezulto: **Vermejla Medalo**".
Koran dankon meritas nia Darbellay, kiu metis la foliojn de la ekspozaĵo en la ekspo-kadrojn. ..."

## El la historio de E-Kolektantaj Kluboj

Nia estimata amiko Jean AMOUROUX sendis al la redaktoro interesajn kopiojn pri la **Internacia Klubo UNIVERSO**, kiun ni povas montri al vi ĉi-sube.

Tiu klubo UNIVERSO fondiĝis supozeble en la jaro 1912 kaj havis propran informilon **"La Informanto"**. Fondis la klubon samideano Hans Joachim HOEN en Magdeburg (Germanio). Aperis ankaŭ tre bela glumarko pri tiu klubo. Vi povas admiri ĝin sur la PK sendita de HOEN al CART. Nelaste eĉ tiu poŝtkarto estas tre interesa dokumento pri la E-movado el tiuj jaroj.

Koran dankon al nia AMOUROUX pro la alsendo de informoj kaj kopioj. Dankon ankaŭ al nia Anna-Greta Strönne (Svedio), kiu disponigis la kopion de la gazeto.


Central-Verlag für Esperanto und Stenographie
Eldonejo de Germana Esperanto-Gazeto
Moldenstrasse Nr. 19 * Magdeburg-Alte Neustadt * Moldenstrasse Nr. 19
INTERNACIA KLUBO UNIVERSO
H. J. Hoen Magdeburg Moldenstrasse 19.
Postkarte — Poŝtkarto
S-ro prof. Th. Cart,
Presa Esperantista Societo
33, rue Lacépède,
PARIS




por plifaciligi la interrilatojn de kolektantoj kaj korespondantoj.

Oficiala organo „La Informanto", redaktita de H. J. Hoen, Magdeburg.
Konto ĉe la Esperantista Ĉekbanko, London.

**La utileco de la korespondado internacia.**

Ne estas ĉiu, kiu povas viziti esperantistan Kongreson por provi la meritojn de la lingvo internacia. Oni bezonas tempon, monon, kaj, iomete, lertecon de fluanta parolado; sed por korespondadi kun viaj kunhomoj en aliaj landoj necesas nur iom da tempo, malmulte da poŝtmarkoj kaj la kapablon skribi la lingvon al alilandulo sufiĉe bone por reciproka kompreniĝo. Kiam mi la unuan fojon aŭdis pri Esperanto, mi demandis min, ĉu ĝi estas nur fantaziaĵo aŭ ĉu efektive estas fakto, ke di-

La informilo ""La Informanto" de la Internacia Klubo UNIVERSO.

# STAMPOJ

## Pri la "poŝteco" de la ĉinaj stampoj

(el letero de nia SONG SHENGTAN)

"...mi petas pardonon pro mia tiel longa silento al miaj geamikoj. Kaŭzo estas tragedia evento en mia familio. Bonvolu pardoni al mi. Pri ĉinaj stampoj: ĉiuj pm-kompanioj, kiujn gvidas la poŝto de Ĉinio, apartenas al komerca kompanio. Laŭ la "Poŝta Regularo" de PT Administracio de Ĉinio PM-Kompanio rajtas fari memorigan poŝtstampon nur por nova pm aŭ TUT. En tiu kazo la stampo rajtas nuligi la pm aŭ TUT en la unua tago kaj posedas "poŝtecon". Al·iaj stampoj por memoriga afero, faritaj de PMK, ne rajtas nuligi pm kaj devas havi lokon nur apud la pm kaj tial ne estas "poŝtecaj". Laŭ Ekpozicia Regularo de ĉina Filatela Federacio oni tiujn stampojn ne rajtas montri en konkurklasaj ekspozicioj. Tio same validas por memorigaj "apudstampoj", faritaj de poŝtoficejoj..."

via amiko

Song Shengtan

**Komento de la redaktoro:** Jen nur kelkaj "apudstampoj", kiuj ne rajtis nuligi pm-ojn, sed tamen troviĝas en nia E-filatela-katalogo kaj ankaŭ en ne-E-aj-filatelaj-stampkatalogoj. Ili daŭre estas/is montrataj en konkuraj fila-ekspozaĵoj, eĉ en la rango "tutmonda":

(daŭrigo: Pri "poŝteco" de ĉinaj stampoj)

A 1, BR 2 ĝis 11, 13, 15, 17-20, BG 6 - 9, PL 44, 45, 64, 65, 80, 84, CH 4-6. Ĉiuj estas poŝte faritaj "apudstampoj", uzitaj plej ofte en iuj specialaj eksterpoŝtejaj filioj.

Mia (nuna) opinio estas, ke iuj ĉinaj filatelistoj, ne la Esperantistoj, kreis por Ĉinio filatelan ekspo-regularon, kiu nepre kontrastas al la regularoj en aliaj landoj.

Mi spertis, ke ĵurioj en FIP-ekspozicioj ne kritikis ĉeeston de Xiqu-aj apudstampoj en konkuraj ekspozaĵoj. (Eble ili ne rimarkis tion). Se malpermesite en Ĉinio, malbone, mi senprobleme uzas ilin en landaj kaj internaciaj ekspozicioj; ĝis nun ne okazis ĵuriaj kritikoj. Certe ĉinaj filatelistoj devas obei al la ekspo-regularo de Ĉinio. La ekspo-regularon de FIP mi ankoraŭ ne vidis, sed mi klopodas akiri ĝin. Mi tamen komprenis el la ĝisnunaj leteroj, ke PMK kaj PT-oficejoj rajtas produkti apudstampojn kaj meti ilin apud al pm...propagandcele. La filatelistoj rajtas kolekti ilin, sed ne rajtas montri ilin en filakonkuroj (en Ĉinio).


Nia kolektamiko SONG SHENGTAN

## TUTAĴOJ

**TUT - bildpoŝtkartoj de la Libera Urbo Dancigo**

Kiel konate, ekzistas serio da bpk por la XIX-a UK. Spite al ekzistantaj E-filatelaj katalogoj kun detala priskribo regas en "vastaj tavoloj" de Esperantistoj konfuza scio pri ili kaj pri la statuso de la tiama Dancigo. Multaj ne povas posedi niajn katalogojn, tial mi dediĉas tiun artikolon al tiu temo. La traktato de Versailles (F) (1918) decidis, ke per la dato 10 01 1920 la ĝis tiam germana urbo Dancigo kun ĝia ĉirkaŭaĵo ricevis la statuson de "Libera Urbo" kaj ĝi ne plu apartenis al la germana ŝtato. Tiun staton finigis la unua tago de la II-a mondmilito je la 1-a de Septembro 1939. Tiame enmarŝis germanaj soldatoj en Dancigo. Kun la fino de la II-a mondmilito, 1945, Dancigo transiris al Pollando. Do, de 1920 - 1939 Dancigo ne estis germana teritorio kaj la XIX-a UK okazis en la sendependa teritorio

(daŭrigo: TUT-bildpoŝtkartoj de Dancigo)

"Libera Urbo Dancigo".

La poŝta tarifo por poŝtkartoj en la tempo de XIX-a UK estis jena:

10 fenigoj en la urbo, al Pollando kaj Germanio
20 fenigoj al eksterlando

Por rekomenditaj (registritaj) leteraj sendaĵoj la aldona tarifo estis: 30 fenigoj. Tiuj estis la bazaj tarifoj. En Germanio ekzistas la "laborgrupo Dancigo" en la filatela asocio.

Nun al niaj E-TUT-bildpoŝtkartoj. Eldonis ilin la Poŝto de Dancigo en du serioj po 11 diversaj bildoj. Eldontago laŭ la germana TUT-Katalogo kaj la speciala katalogo de Borek estas la 15-a de julio 1927. Mi vidis ankaŭ stampon kun la dato: 8.7.27. Konata ankaŭ estas stampo kun la dato: 4.7.27.

Serio 1 kun surpresita pm de 10 fenigoj (verda)
Serio 2 kun surpresita pm de 20 fenigoj (ruga)

De ambaŭ serioj ekzistas ankaŭ "dentumitaj" pk. La dentumitaj bpk devenas al bpk-kajeretoj. Ege raraj estas la dentumitaj bpk, kiuj supre kaj malsupre ankoraŭ havas aldonan randon de 2 cm, kiu ne ricevis surpreson. Bpk kun tia rando kostas minimume 400 US$. Por ne ĉagreniĝi, forgesu tiun informon.

Ni katalogis ilin per la indikoj en la germana TUT-Michel-Katalogo kaj ni ankaŭ aldonas la numerojn de la Borek-Katalogo

| | | | |
|---|---|---|---|
| Michel P 39/P 40 - | 01 Malnova muelejo | 01 | Borek 40/41 |
| | 02 Pordego de la gruo | 03 | |
| | 03 Preĝejo de S.Maria | 04 | |
| | 04 Urba Domo | 05 | |
| | 05 Havena eniro | 09 | |
| | 06 Oliva Kastelo kaj Katedralo | 10 | |
| | 10 Zoppot, marbordo | 11 | |
| | 12 Preĝejo S.Johann | 02 | |
| | 13 Teknika Altlernejo | 06 | |
| | 14 Domo de la Parlamento | 07 | |
| | 15 Placo de Winter kun Poŝt-kaj Telegraf-Direkcio | 08 | |

Sola diferenco inter ambaŭ serioj estas trilingva surpreso ĉe la 20-Fenigoj bpk:

**"Postkarte/Carte postale/Poŝtkarto"**

Ĉe la 10-fenigoj bpk nur estas dulingva teksto:

**Postkarte/Poŝtkarto**

Tiu estis laŭ la preskriboj de UPU.

La bildojn de tiuj bpk por la XIX-a UK ni trovas en nia granda E-filatela katalogo de ELF-AREK, kiun kompilis nia Hirsch.

Pri la prezoj mi ne povas diri konkretaĵojn. Ili estas ege variaj kaj dependas de tio, ĉu normale sendita, aerpoŝte, Zepelinpoŝte, registrite ktp.. Minimumo por normale uzita aŭ neuzita bpk estas eble 60.--/80,-- DM. Por normale dentumita bpk necesas 100,--/150,-- DM. Tiujn prezojn ne faris ni E-filatelistoj, sed la ne-Esperantistaj TUT-kaj Dancig-kolektantoj. Ili ofte posedas tiujn bpk-ojn, malofte troveblajn en niaj kolektoj.

MI 01 Alte Mühle DANZIG Malnova muelejo BO 1

Johanniskirche DANZIG Preĝejo de S. Johano
MI 012 BO 2

Krantor DANZIG Pordego de l' gruo
MI 02 BO 3

MI 03 St. Marienkirche DANZIG Preĝejo de S. Maria BO 4

MI 04 Rathaus DANZIG Urbdomo BO 5

Technische Hochschule DANZIG Teknika altlernejo
MI 013 BO 6

Volkstagsgebäude DANZIG Domo de l' parlamento
XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
DANZIG, 28. JULIO — 4. AUGUSTO 1927

Postkarte
Poŝtkarto

MI 014 BO 7

Postkarte
Carte postale
Poŝtkarto

DANZIG
Winterplatz mit Post- und Telegraphenverwaltung.
Placo de Winter kun Poŝt- kaj Telegraf-Direkcio.
MI 015 BO 8

DANZIG-NEUFAHRWASSER
Hafeneinfahrt. — Havena eniro.
MI 05 BO 9

Schloß und Kirche OLIVA Kastelo kaj katedralo
MI 06 BO 10

Badestrand ZOPPOT Marbordo
MI 010 BO 11

La dentumita bpk de Dancigo.




## Nekonata E-TUT-PK de la iama GDR

Nur nun nia amiko BEAU en Leipzig trovis ĉi-tiun ĝis nun nekonatan TUT-E-PK de iama GDR en siaj korespondajkestoj. Aperigis ĝin en la jaro 1986 la **Distrikta Estraro de GDREA** (E-Asocio en la iama GDR)en Turingio (Erfurt). La sendinto estis la distrikta estro **Hans Rogazewski**, kunlaboranto de la universitato en Ilmenau Bedaŭrinde mi mem ne posedas ĝin kaj sekve nun doloras min tiu



(daŭrigo: nekonata E-TUT-PK...)

"truo" en mia kolekto. Kiu eble povas doni ĝin al mi?

Koran dankon al nia **Rolf Beau** pro tiu interesa informo.

## ILUSTRITAJ PK.



Kongresaj E-bildkartoj de la UK en Tampere 1995

Por niaj multaj E-bildkarto-kolektantoj jen interesa informo:

Inter la al mi senditaj salutkartoj mi trovis 4 diversajn E-bildkartojn, eldonitajn speciale por la UK en Tampere. Ili ĉiuj montras supre maldekstre la kongresan emblemon, apud ĝi klarigon pri la bildflanko en la finna kaj en Esperanto. Vertikale la nomo de la fotinto:

1 Tamperehalo — Foto V.Hämäläinen — (sendis Bormann kaj Dörfler)
2 Ĉefbiblioteko de Tampere — " " — (sendis Hämäläinen)
3 Katedralo de Tampere — " " — (sendis Piton)
4 Vespero sur la Lago Saimaa — Foto Irja Miettinen — (sendis Paulsson)

Eble ekzistas ankaŭ aliaj kongresaj bildkartoj. Kiu informos pri ili?

80A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO TAMPERE'95 22.-29.7.1995 FINNLANDO

Tampere-talo
Tampere-halo

48.00

TAMPERE 28.7.1995

Foto Veli Hämäläinen

27 julio 95
Sincerajn salutojn
el la Kongresurbo
Werner Bormann

## E-POŜTMARKOJ




La brazila Zamenhof pm de 16 04 1945 kun vizaĝmakulo

Iuj scias pri tiu variaĵo: la brazila Zamenhof-pm el la jaro 1945. Sed la aspekton nur konas ĝiaj posedantoj. Mi nun ankaŭ posedas ĝin kaj povas prezenti ĝin al vi en la espero, ke la moderna tekniko tion ebligos. La "variaĵo" vere estas okulfrapa en la vizaĝo de Zamenhof. Mi ne scias, ĉu la specialaj katalogoj ĝin registris kiel "variaĵo". Povas eĉ esti, ke iu el niaj karaj brazilaj klub-amikoj jam sciigis pri ĝi, sed mi tiukaze ne atentis la informon. Bv.pardoni tion al mi, karaj Drucker kaj Piton.

NOTO: La makulo ankaŭ videblas sur paĝo 31 de la ĉina E-pm-katalogo de Song Shangtan.

## GLUMARKOJ

Serĉata: glumarko de CHEMNITZA E-KLUBO 1907-katalog-no: 8




Kopie mi ĝin ricevis de nia estimata Anna-Greta Strönne (S), sed volonte mi akirus ĝin en originalo. Mi okupiĝas pri la esplorado de la historio de la Esperanto-Movado en CHEMNITZ kaj kompreneble serĉas ĉiuspecajn Esperantajn dokumentajn materialojn lige kun tio. Tiu glumarko dokumentas la unuan E-klubon de CHEMNITZ. Kaj antaŭ nelonge nia Amouroux eĉ sendis al mi adresaron de tiu unua Chemnitza E-Klubo por mi: absoluta sensacio, ĉar neniu sciis pri la ekzisto de tiaj listoj. Koran dankon al vi pro tiu ege valora sciigo. Koran dankon ankaŭ al nia Hirsch, kiu sendis kopiojn pri senditaj E-pk el la komenco de tiu ĉi jarcento el Chemnitz.

## NUMISMATIKO



Kiel konate, nia HANS JANKOWSKI, pretigis tre interesan broŝuron pri ESPERANTO MONO. Mi ĝin siatempe ricevis manuskriptforme (koran dankon pro tio al vi!). JANKOWSKI en ĝi montras i.a. ĉekojn. Nun mi trovis en la GERMANA ESPERANTISTO" de majo 1908 bildon pri "ĉeko internacia", kiu eble mankas en tiu broŝuro
Krome mi trovis E-propagand-markojn kun valoro de 1 Kcs en CS, certe eldonitaj post 1950 pro la komunista simbolo sur ĝi. Finfine mi posedas kvitancmarkon de 2 (spesmiloj?), ne listigitan. Cetere: kopie mi ankaŭ posedas aliĝmarkon de GLEA je 30 fenigoj sur membrolibro de GLEA de marto 1919.

## Esperantaĵoj el la komeco de nia 20-a Jarcento




Taschenmesser für Herren No. 100, 2 Klingen mit Korkzieher, weiße Beschalung, hochfeine Ausführung, m. koloriertem Druck auf beiden Seiten, in feinem Lederetui à Stck. M 3,50

Rasierapparat „Verda Stelo" No. 300, hochfein in Etui, mit 6 prima Klingen, koloriert . . . . . . . à Stck. M 6,—

Rasierklingen „Verda Stelo" No. 320, garantiert, à Dtz. M 3,—

Versand gegen Nachnahme oder vorherige Einsendung des Betrages frei. Prospekte gratis. Wiederverkäufer Rabatt.

Gesetzlich geschützt.

**Esperanto-Haus Ferd. Stock & C^ie, Ohligs-Solingen**

Korrespondenz: Esperanto.

Supozeble oni povas vidi ilin nur sur la paĝoj de malnovaj E-gazetoj. Tie eblas renkonti anoncojn pri horloĝoj, raz-aparatoj, razklingoj, cigaroj, cigaredoj, likvoroj, vinoj ktp., kiuj portas la nomojn ESPERANTO; ZAMENHOF, VERDA STELO, k.a Mine povas preterlasi, montri al vi anoncon el jaro 1918 el la "Germana Esperantisto". Tiu reklamas poŝtranĉilon Esperanto kun portreto de Zamenhof kaj verda stelo. La tranĉilo havas du klingojn korktirilon, du blankajn ŝelojn kun ambauflankaj koloraj supresaĵoj. Kun leda ujo ĝia prezo estis 3,50 germanaj markoj. En la sama anonco de la "Esperanto-domo Stock" en la urbo SOLINGEN (Germanio) oni trovas ankau ofertojn pri la razaparato "Verda Stelo" kaj razklingoj "Verda Stelo". Bildoj pri ili bedaŭrinde ne disponeblas.

## Razklingo ESPERANTO el Svedio

En mia kolekto de Esperantaĵoj ankaŭ troviĝas razklingo en originala papera ujo sub la nomo ESPERANTO. Eblas montri bildon pri la papera ujo. La razklingo havas la saman tekston, sed ne eblis fotokopii ĝin. La razklingo fontas el la jaroj 1930-1935.




Por la naskiĝfesto

**esperantajn cigarojn „La Espero"**

M. 9,— kaj M. 7,75 po cent

Mendoj de M. 20,— kaj plie afrankite

Specimenoj senpage.

Provu kaj mendu ĉe samideano

**Hans Sandtmann, Hamburg**

Gr. Reichenstr. 51.

**Esperantistoj**

postulu ĉie

**D^ro Zamenhof-cigaredojn**

| | | |
|---|---|---|
| N° 3 | kun buŝtubeto aŭ orumita . . . . | 3 Pfg. |
| N° 5 | „ „ „ „ . . . . | 5 „ |

**Cigaredfabriko Casanova, Dresden.**

[128

## Trovita

Raportas R. Hirsch:

Aŭkcia-domo sendis al mi tiujn (malbelajn)fotokopiojn de TUT-PK de 1910, eldonita en Ruslando en rusa lingvo. Libere tradukita la enskriboj tekstas:

**Esperantistaj Proletoj bezonas internacian lingvon**
(maldekstra flanko)

**Lernu la internacia lingvon Esperanto**
(dekstra flanko)

**D-ro L.L Zamenhof, aŭtoro de la internacia lingvo Esperanto**
(sube)




De kie oni povas ricevi pliajn detalojn pri tiu TUT-PK?

La ofertprezo estis:

DM 300,--

**Aliaj ofertprezoj de germanaj aŭkciaj domoj**

La aŭstralia (Queensland)TUT-PK intertempe havas ofertprezon de

DM 900,--




La nederlanda Katalog-no:1, sendita sur registrita letero, ekzistas laŭdire nur 10 leteroj de tiu speco, estas ofertita kun DM 800,-. Temas pri ĝis nun nekonata R-marko (kun gumstampo de la SAT-Kongreso 1931.




**E-filatela agado de nia SONG SHENGTAN**

Jen interesaj faktoj el lia letero de 03 09 1995 al la redaktoro: "...Ofte mi devas funkcii kiel ĵuriano por fila-ekspozicioj en mia provinco JIANGSU en Ĉinio. Tial mi estis en multaj urboj. Sed mi ankaŭ partoprenis kun mia kolekto "Esperanto" i.a. en

- INDOPEX 1993 (6-a Int.Azia Fila-Ekspo)= arĝentumita medalo
- BRASILIANA 93 bronza medalo
- JAKARTA 95 arĝenta medalo

(daŭrigo: E-filatela agado...)
Krome li verkis artikolojn por la Ĉina Fila-Federacio kaj Ĉina PT-Eldonejo krome artikoletojn por la Ĉina Fila-Encoklopedio kaj por la Ĉina Fila Vortaro. Ambaŭ aperos dum marto 1996..."

Noto de la redaktoro: Koran dankon al vi, kara amiko. Gratulojn pro viaj E-filatelaj sukcesoj kaj filatela aktiveco.

Prezidanto de Ĉina Filatela E-Asocio ZHU MINGYI
Li same kiel SONG opinias kaj klarigas pri la ĉinaj apudstampoj. Koran dankon al li pro la letero kun klarigoj.

## ANKAŬ EKZISTAS...

Belga TUT-PK el la jaro 1888, sendita al Nederlando. Maldekstre supre estas la emblemo de la anoj de VOLAPÜK. La poŝtkarta teksto ankaŭ estas skribita en la planlingvo VOLAPÜK. La poŝtkarto ŝajne ankaŭ trairis cenzuron (??).




1097/89-22c Antwerpen, 1888, [illegible] 5id

Söl, löfik!

[illegible]

D. o. D.

[illegible]

# ELF-AREK

ofertas la ĵus eldonitan broŝuron pri la ĉina lunkalendaro.

Prezo: DM 4,-- (2 IRK aŭ 3 US$) + afranko
Mendojn direktu al:

Richard Hirsch, Lambertstr. 12, D-36251 BAD HERSFELD

鼠 RATO|MUSO
牛 BUBALO
虎 TIGRO
兔 LEPORO
龍 DRAKO
蛇 SERPENTO
馬 ĈEVALO
羊 KAPRO
猴 SIMIO
鸡 KOKO
狗 HUNDO
猪 PORKO

ELF-AREK

STUDAĴO PRI LA

ĈINA




*en la Esperanto-Filatelo*

## Ankaŭ ekzistas

KORESPONDI ESPERANTE --- SKRIV BREV PAA ESPERANTO

Jam en la jaro 1984 la SVEDA POŜTO eldonis libreton sub supre videbla titolo. Sur la 128 paĝoj ĝi prezentas al la klientoj de la poŝto Esperanton. Verkis ĝin **Inga Johansson** kaj **Aasa Salquist** el Gotenburgo. Mi ĝin ricevis donace de s-ino Märtha Andreasson, fame konata kaj tre aktiva, sveda Esperantistino. La libreto haveblis ĉe la postaj ĝicetoj de Svedio. Mi ne memoras, ke ie aperis informo pri ĝi en nia vasta Esperanto-gazetaro. Tamen ĝi meritas esti konata en la E-historio. Mi ja ne estas bona recenzisto, tamen iom pri ĝi:

Tuj sur la unua paĝo estas bildo pri la **unua E-letero**, skribita de d-ro Zamenhof, supozeble ĝi troviĝas en la ESPERANTO - MUZEO en Vieno. La svedlingva libreto prezentas UEA kaj aliajn internaciajn E-organizojn. Ni trovas ekzemplojn pri leteroj kaj mallongan E-gramatikon. Abundas ilustraĵoj pri E-pm kaj E-glm. Informoj ankaŭ pri E-libroj, svedaj E-organizaĵoj, Radio kaj Esperanto ktp. Vere efika propagandilo, eldonita de la sveda poŝto.

Ĉar tiu libreto jam delonge ne plu haveblas, mi rekomendas turnu vin al s-ino Märtha Andreasson. La adreson vi trovas en la jarlibroj de SAT kaj UEA.

=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

INFORMILO DE ELF-AREK
(Esperanto-Ligo Filatelista = Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj)
Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto)·im
(en la) deutschen (germana) VdPh (Asocio de Filatelaj Laborgrupoj,

---

| | | |
|---|---|---|
| *Redaktoro:* | *Rudolf Burmeister,* | *Max-Müller-Str.62 D-09123 Chemnitz* |
| *Prezidanto:* | *Ivar Paulsson* | *Skytteholmsvägen 29 S-17144 Solna* |
| *Kasisto:* | *Rolf Beau* | *Jacobstr. 9 D-04105 Leipzig* |
| *Banko:* | *Sparkasse Leipzig, Konto-No: 1 190 223 208 Bankkodo (BLZ): 860 555 92* | |
| *Poŝtbanko:* | *Nürnberg Konto-No: 036 6737-855 Bankkodo (BLZ): 760 100 85* | |
| *UEA-konto:* | *elfx-r* | |
| Kotizoj 1996: | okcidentanoj DM 30,--/orientanoj DM 20,-- | |
| Stampobanko: | Werner Heimlich | Fröbelstr. 4 D-29614 Soltau |
| Kompostis, presis kaj ekspedis: | Richard Hirsch | Lambertstr. 12 D-36251 Bad Hersfeld |


NE FORGESU PAGI